DIMANĈO 26 AUGUSTO 1906. Unu Numero : 10 CENTIMOJ DUA JARO. — N° 25

# ★ ESPERANTO ★

·ESPERANTO-JOURNAL· & ·REVUE DE L'ESPERANTO·

Sendu ĉiun korespondajon rilatan al Administrado al :
**Administration de Esperanto-Journal**
**GENÈVE (Svisl) & BELLEGARDE (Ain, Francl.)**

**ABONOJ**
24 sinsekvaj numeroj. Franc- & Svislando : **3** fr. Aliaj landoj : **3** fr. **75**
Luksa Eldono : 12 numeroj. **1** fr.

L'Administrantaro de l'jurnalo lasas al ĉiu aŭtoro de artikolo la respondecon de lia skribaĵo.

La jurnalo prenas sur sin nenian respondecon pri la anoncoj.

**OPAJ ABONOJ**
Nepre rezervataj por la Grupoj

| 10 sinsekvaj numeroj | | 24 sinsekvaj numeroj | |
|---|---|---|---|
| 10 Kopioj | fr. **10** | 10 Kopioj | fr. **24** |
| 24 » | » **20** | 24 » | » **48** |

*La venonta n-ro de « Esperanto » eliros : Merkrede 29 Aŭgusto*

## PARTO OFICIALA

### DUA KONGRESO UNIVERSALA en Ĝenevo.

*de la 28a de Aŭgusto ĝis la 6a de Septembro, 1906), sub la prezido de Dro Zamenhof.*

### PROGRAMO DEFINITIVA

*Grava Rimarko.* — De sabato, la 25-a de aŭgusto, la sekretariejo de l'Kongresoestos translokigota en la ĉambrojn de « l'Ecole du commerce », rue Général-Dufour, kaj ĝi es tos malfermata ĉiutage de la oka horo matene, ĝis la oka horo vespere. S-roj kongresanoj povos tien adresi la korespondajon kaj je ilia dispono estos rezervota unu ĉambro por kunvenoj, kaj skribmaŝinojn. Ili trovos tie ĉiujn bezonajn informojn pri loĝejoj, kaj pensioj kaj eĉ pri ekskursoj, kunvenoj al kiuj ili bonvolu laŭ ebleco baldaŭ sin enskribi. Je ilia dispono estos tie ĉiutage nomaro de kongresanoj kaj partoprenantoj, eĉ ĉiuj programoj kaj dokumentoj.

S-roj kongresanoj ests petataj veni post alveturo al la sekretariejo (Ecole de Commerce, ĉambro n-ro I) por preni tie la kartojn ( personaj kaj invitaj kartoj) kaj por tie sciigi siajn adresojn en Genève.

Oni atentigas speciale pri novaj ŝanĝoj metitaj en la programon koncerne oficialan kunvenon de malfermo kaj aranĝo de kongreso kiu okazos marde la 28-an de aŭgusto kaj koncerne preparaj kunvenoj estos disdonataj en la Sekretariejo.

PREPARAJ KUNVENOJ
(En l'Ecole de Commerce)

**Lunde 27-an de aŭgusto**

*Matene, je la 9-a kaj 1/2.* — Kunvenoj de membroj de sekcioj kaj de diversaj komisioj kunvokitaj speciale de iliaj prezidantoj.

*Posttagmeze, je la tria horo.* — Kunveno de Lingva Komitato sub prezido de S-ro Boirac.

**Marde 28-an de aŭgusto**

*Matene, je la 9-a kaj duono.* — Kunveno de delegitoj de naciaj societoj.

*Sama horo.* — Kunveno de internacia Komitato kaj de Loka Organiza Komitato sub prezido de D-ro Zamenhof.

La informoj rilataj al la precizaj horoj kaj la numeroj de ĉambroj rezervitaj por ĉi tiuj diversaj kunvenoj estos donataj per afiŝoj en la sekretariejo aŭ per leteroj sendotaj en loĝejoj de interesiĝantoj.

OFICIALAJ KUNVENOJ

**Marde 28-an de aŭgusto**

*Je la 3-a horo posttmageze.* — Salle des Amis de l'Instruction, 6, rue Bartholoni : Oficiala kunveno de malfermo kaj de aranĝo de la II-a universala Kongreso de Esperanto (Kunsido reservata por kongresanoj ; verdaj kartoj) ; Transdono de la rajtoj de la Organiza Komitato ; Aranĝo de la nova Kongreso ; Elekto de la Estraro ; Paroladoj de la Prezidanto ; Starigo de la Programo kaj de detala enhavo de la kunvenoj.

*Je la 8-a kaj 1/2 vespere.* — En Victoria-Hall : Publika kunveno por personoj invititaj ; Solena malfermo de la Kongreso ; Alparolado de la Prezidanto.

**Merkrede 29-an de aŭgusto**

*Je la 9-a kaj 1/2 matene.* — Traktado pri demandoj prezentotaj de la Organiza Komitato.

*Tagmeze.* — Kiosko « des Bastions » : Oficiala Festeno.

*Je la 3-a.* — En l'Ecole de Commerce : Kunveno de la Lingva Komitato ; Kunveno ĝenerala de la Svisa Esperanta Societo.

*Je la 5-a.* — Kunveno de la Esperantistaj Instruistoj kaj Edukistoj, kunvokitaj je la iniciato de S-ro Boirac.

*Je la sama horo.* — Kunveno de la Internacia Asocio de la esperanta Gazetaro ; Invito al ĉiuj redaktistoj de esperantaj jurnaloj.

*Je la 8-a kaj 1/2.* — Salle des Amis de l'Instruction : Teatra Vespero en Esperanto.

**Jaŭde 30-an de aŭgusto**

*Je la 8-a matene.* — Foriro el Genevo, por ekskurso sur la Lemana Lago. Kajo « Pâquis ».
*Je la 10-a 30.* — Halto en Rolle.
*Je la II-a 30.* — Halto en Ouchy.
*Je la 12-a 30.* — Alveno en Vevey (Marché).
*Je la 1-a.* — Tagmanĝo en la Hotelo « Trois Couronnes ».
*Posttagmeze.* — Ekskursoj laŭvolaj en la ĉirkulaŭajo.
*Je la 4-a 45.* — Foriro el Vevey.
*Je la 5-a 30.* — Halto en Ouchy.
*Je la 6-a 45.* — Halto en Rolle.
*Je la 8-a 15.* — Realveno Genevon.

**Vendrede 31-an de aŭgusto**

*Je la 9-a kaj 1/2 matene.* — Aula de l'Université ; Dua ĝenerala kunveno de la Kongreso ; Ekzameno de diversaj temoj.

*Posttagmeze, je la 2-a.* — Vizito de la Muzeo Ariana.

*Je la 8-a vespere.* — Salle des Amis de l'Instruction ; Dua teatra vespero.

*Je la 10-a.* — Granda Balo je naciaj vestajoj.

**Sabate I-an de septembro**

*Je la 9-a kaj 1/2 matene.* — Aula de l'Université ; Tria ĝenerala kunveno de la Kongreso ; Ekzameno de la temoj prezentataj de la Lingva Komitato.

*Je la tria.* — En Amis de l'Instruction ; Oficiala kunsido de fermo ; Voĉdono de deziroj kaj decidoj de la Kongreso ; (Kunsido rezervata por Kongresanoj, verdaj kartoj).

*Je la 8-a kaj 1/2.* — En Victoria-Hall : Solena Fermo de la Kongreso ; Parolado en Esperanto pri Kongolando, kun lumbildoj, de S-ro Komandanto Ch. Lemaire.

**Dimanĉe 2-an de setembro**

Tago lasota al la libera dispono de la kongresanoj ; Laŭvolaj fakaj kunvenoj kaj ekskursoj. (Vidu la gazetojn).

**Lunde 3, Marde 4, Merkrede 5 de septembro**

Granda ekskurso tra Svislando, organizita de l'Agentejo Bocquin.

*Lunde, je la 8-a matene.* — Foriro el Genevo.
9 h. 15. — Alveno en Lausanne ; 9 h. 30 : Foriro.
10 h. 9. — Alveno en Montreux : Vizito de Montreux : Laŭvola ekskurso al Kastelo de Chillon ; Tagmanĝo.
2 h. 6. — Foriro el Montreux.
7 h. 14. — Alveno en Iterlaken. Vespermanĝo kaj nokto.
*Marde, je la 9 h. 10.* — Foriro el Interlaken.
11 h. 10. — Alveno en Mürren : Ekskurso ; Tagmanĝo ; 5 h. 35 ; Foriro.
7 h. 21. — Reveno en Interlaken ; Vespermanĝo, kaj nokto.
*Merkrede, 8 h. 25.* — Foriro el Interlaken.
10 h. 8. — Alveno en Berno ; Vizito de la federala urbo ; Disirado de la 1-a grupo ; Tagmanĝo de la dua grupo.
2 h. 13. — Foriro el Berno.
6 h. — Alveno en Genevo.

(Ni memorigas ke la kongresanoj dezirantaj partopreni al tiu ekskurso kaj al festeno en Vevey, devas sin enskribigi tuj).

* * *

S-RO KARL ZACHERL estas petata konatigi sian adreson al la teatra Komisio, en Esperanto-Office, 15, quai de l'Ile, Genève.

**Oficialaj Kokardoj**

Kokardoj diverskoloraj permesos al la Kongresanoj distingi la diversajn Komisistarojn de la Loka Organiza Komitato.

Ili estas petetaj atenti pri tio kaj peti la specialajn informojn nur de la komisiistoj respondantaj :

Sekretariejo : ruĝa kaj flava. —
Kaso : flava. —
Loĝado : violkolora. —
Akceptado kaj Kontrolado : verda kaj blanka. —
Ekspozicio : verda. —
Teatro : ruĝa kaj blanka. —
Gazetaro : blanka. —
Vojaĝo en Vevey : blua kaj blanka —
Ekskursietoj : ruĝa. —
Aliaj Komitatanoj : ruĝa kaj verda. —

* * *

***Akceptado***

La Kongresanoj alvenontaj en Genevo estos akceptataj de specialaj oficistoj (verdaj kokardoj), en la stacidomo de Cornavin, je tiuj horoj :

Vagonaroj alvenanantaj

| el Svislando : | | el Franclando : | |
|---|---|---|---|
| Matene : | 10a h. 23. | Matene : | 8a h. 15. |
| Posttagmeze : | 1a h. 05. | Posttagmeze : | 12a h. 07. |
| | 3a h. 20. | | 4a h. 29. |
| | 6a h. —. | | 7a h. 51. |
| | 7a h. 30. | | 8a h. 25. |
| | 8a h. 30. | | |

ĉiuj Kongresanoj kiuj alvenas per aliaj vagonaroj kaj kiuj deziras esti akceptataj en la stacidomo, bonvolos anonci sin al Komisio de *akceptado*,

Esperanto-Oficejo.

## PARTO NEOFICIALA

### MUTUALISMO

Mi ne esperas, ke multaj el la legantoj de « Esperanto » memoras mian unuan artikolon, pri mutualismo, aperintan en la 19-a numero de la gazeto. Tial, antaŭ ol eniri en la detalojn, kaj ekpensi programon de farotajo, mi rediros ankaŭ kelkajn el miaj ideoj pri Mutualismo, precizigos ilin, respondos al la kontraŭdiroj kaj difinante la limojn de l'problemo, fiksos la regionon kie ni devos trovi ĝian solvon.

La idealo de la socia stato estus, se ĉiu, donante laŭ sia forto kaj povo, ricevus laŭ siaj bezonoj. Unuj kredas ke realigo de tia idealo estas en neatingebla malproksimo, aŭ ke almenaŭ bezone estus longa edukado de la homaro por ĝin ebligi ; aliuj do kredas ke ĝi povus tuj ekiĝi, kaj ke nur nenecesaj baroj malhelpas. Tiu demando estas, kompreneble, tute ekster nia temo, kaj ni ne ĝin pritraktos ! Tamen, ni memoros tiun finan celon de la homara organiziĝo, kiel direktilon en niaj rezonadoj.

Nunmomente, ni celas pli humile. La deziro de mutualistoj estas plifortigi inter konsciaj kaj volaj homoj la sentojn de solidareco per reala kaj efika helpado kaj apogado reciproka. Tiu solidareco montriĝas per helpado de la komuneco al la membroj kies la povo de produkto ne respondas al la nepraj bezonoj. De tie : helpado al infanoj, kiuj konsumas ne produktante ; helpado al malsanuloj, kripluloj, malfortuloj ; helpado al malsanuloj kiuj, produktas malmultom aŭ eĉ neniom, kaj tamen, bezonas tiom aŭ eĉ pli ol la aliaj.

Helpadon al infanoj, la nuna socio lasas tute sur la ŝarĝo de l'gepatroj, krom por la malriĉaj orfoj kiujn ĝi edukas almoze. Kvankam estas tie larĝa kampo al la homa agado, ni momente lasos tiun ideon.

Helpadon al la malsanuloj okazaj prizorgas specialaj societoj kaj publikaj servadoj, kiuj per posta perfektiĝo plenumos iom post iom sian rolon.

Kronikaj malsanuloj, kripluloj, kaj precipe la simplaj malfortuloj, la « minus habenti » de l'laboro, nenion devas atendi nune, krom de la almozoj kaj bonkoreco de riĉuloj. Des pli malbone, se ili estas fieraj, kaj ne sin konigas petante. Malforta manlaboristo, mallerta kudristino, infere penados ĝis la morto por gajnumi sian vivon, neniam sukcesante atingi sufiĉan produktadon por satigi siajn bezonojn eĉ maksime reduktitajn. Tiu ĉi terura maljusteco, kiu memorigas la abomenajn regulojn de la interbesta batalado : la malfortaj pereas, manĝataj de la pli fortaj, tiu ĉi hontiga malsano de la nuna homaro, ne estas kuracebla per la nunaj rimedoj, eĉ per nia nuna mutualismo. Ni do lasos ankaŭ tion flanke, sed ni volis ĝin memorigi, por ke mutualistoj ne kredu, ke ili atingis la perfektan socian justecon, se ili ŝirmas la fortulojn kontraŭ malsanecaj kaj maljunecaj riskoj, sed ke, ekster ilia solidareco ekzistas estajoj, kiuj ne povos partopreni en ĝi, kaj kiujn nenio povas helpi en la socia stato NUNA.

La kampo, kiun ni elektis, kaj en kiu ni volas momente resti, estas tiu de la memvola mutuala helpo por maljuneco.

* * *

Unuavide, tiu kampo de agado ŝajnos mallarĝa kaj tro modesta. Eĉ, ĝi malplaĉos al kelke da tiuj, kiuj kredas ke ĝi estos barilo al la efektivigo de ŝtata deviga organizado de « Pensioj por Maljunuloj ». Pri tiu lasta punkto, ni nenion volas diri, ĉar ĝia signifo dependas esence de la ŝtato, kiu tion organizas. Se la kaso de Pensioj estas miksata en komuna budĝeto kun militaj kaj politikaj aferoj, ni eldiris jam nian opinion pri tio en lasta artikolo. Ni ja konfesas ke tia organizajo povos utile servi, sed kondiĉe ke la reguloj nunaj de la ŝtata kondukado estus profunde aliigitaj kaj ke la administrado de la aferoj estus zorge disigita de l'regado de la homoj. Ni nur volas diri ke se la pensioj oficialaj ne sufiĉos al ĉiu, nenio povas malpermesi ke homoj libere societiĝu por havi mutuale al si kaj al la posteuloj superan bonstaton, kaj por aliformigi la socian staton laŭ siaj preferoj kaj konvinko. Kia ajn estus la ideo, kiun oni havas pri la ŝtataj pensioj, oni ne povas de tio preni argumenton kontraŭ la mutuala kunhelpado. Ambaŭ aferoj estas en nuneco tute senrilataj, kaj se iam ili kuniĝos, tio estos kiam la regado efektive apartenos al la komuneco, kaj kiam per metoda organizado de l'aferoj ĉiuj homoj estos vere kunhelpantoj en mutuala produktado kaj mutuala satigo de la bezonoj.

En venonta artikolo ni studos, kiel estas eble konduki tiun aferon al taŭga realiziĝo.

P. BERTHELOT.

### DIVERSAĴOJ

***Granda balo kun Naciaj kostumoj***

Vendredon, la 31-an de Aŭgusto, okazos granda balo por la kongresanoj. Ni nur volas memorigi la kongresanojn, ke estus tre dezirinde veni tiun ĉi balon en nacia kostumo por montri al la mondo la belan bildon, ke diversnacianoj portante tre diversajn kostumojn parolas la saman lingvon internacian. Kiu havis la okazon vidi la multkolo-

ran bildon de la kostuma balo en Bulonjo sur maro certe ne forgesos tiun impresigan feston. Ni jam scias ke kelkaj samideanoj el malproksimaj landoj alportos iliajn naciajn kostumojn kaj ankaŭ samideaninoj el Svisujo jam preparis ilian belan historian nacian vestaĵon. Sed ĉar la kostumiĝo nur faras impreson se estas multaj kiuj kostume vestiĝas, ni esperas ke la kongresa balo donos al ni tre plenan bildon de la nacioj reprezentitaj en la kongreso.

Tio ja estas la ĉefa celo de la internacia balo. Ni ĝin ne forgesu! F. S.

* * *

### Kunvenoj de Socialistoj

Dimancon 2-an de Septembro, en Cercle Communiste, avenue du Mail, internacia kunveno de esperantistaj socialistoj.

Estos akceptataj nur la personoj, kiuj havos cu sindikalan karton, cu karton de membro de la Internacia Partio en la landoj kie ekzistas sekcio aŭ leteron invitan de la tia samideano.

Sin turni al Kamarado Brelaz, en Cercle Communiste.

***

### Reformistoj kaj esperantistoj

Estas en Franclando multe da literaturistoj, kiuj penas por reformigi la francan ortografion, tiom malsimplan kaj mallogikan; tiuj estas la reformistoj.

La unuj volas radikalan reformon, kaj deziras, ke oni skribu, kiel oni parolas: tiuj reklamas la fonetikan ortografion. Sed la plimultuj ne estas tiel postulemaj: ili nur petas, ke oni forigu malutilajn malsimplaĵojn, kaj deziras pli grandan unuecon en la ortografio; de longatempe ili batalas kun Sinjoro S. Barés, la sindona direktoro de l'jurnalo « La Reformisto ».

Tiuj ciuj estas aŭ estos necese partianoj de nia internacia lingvo, car nia lingvo estas perfekta patrono de ortografia simpleco kaj de logiko. La Esperanto montras al ciuj ke lingvo povas esti bela kaj klara sen malutilaj reguloj kaj malfacilaj esceptoj. Sekve la Esperanto helpas la partion de la Reformistoj, kaj la Reformistoj devu dankece favori la internacian lingvon.

Cetere mi scias ke jam multe da reformistoj estas samtempe esperantistoj; sed ciuj devas esti, kaj ciuj farigos certe, car ankoraŭ mi proklamas ke la progresado de Esperanto en Franclando multe helpos la celon de la ortografia reformo, donante al ciuj la emon al la reguleco kaj la abomenon de la lingva mallogikeco.

P-ro Armand DAUPHIN

## GRAVA ALVOKO

La Esperantistoj neniam tro ripetos ke nia kara lingvo estas neŭtrala kaj ke ĝi povas utili al ĉiuj apartaj ideoj, al ĉiuj teorioj. Cetere tiu grava principo estas pruvata de kelkaj societoj kiuj sin okupas pri framasonismo, pacifismo, katolikismo, stenografio, kc. per Esperanto.

Sed tio ne sufiĉas por senarmigi niajn kontraŭulojn. Nun, en preskaŭ ĉiuj landoj, oni riproĉas al la Esperantistoj, ke ili laboras por la propagando de la lingvo internacia, anstataŭ helpi la disvatigon de siaj naciaj lingvoj.

Precipe en Franclando, tiu kritiko estis multfoje prezentata kaj eĉ kelkaj Esperantistoj, el la plej sindonemaj, (S-ro Capé - Montrosier, ekzemple), suferis pro tio kaj batalis kontraŭ personaj atakoj. La franca « Alliance française » celas la propagandon de la franca lingvo en la mondon. Aliparte, la Esperantistoj celas la disvastigon de Esperanto. Oni povus, laŭ tiuj malsimilaj celoj, pensi ke la du partoj estas malamikoj kaj ke milito inter ili estas neevitebla. La tempo kiun oni dediĉas je la lernado de Esperanto, estos perdita por la lernado de la franca lingvo. Jen la ĉefa argumento; ĝi estas verega, ĉu ne? Sed tio faros neniam malutilon al ambaŭ lingvoj. Kontraŭe, ĉar la tempo kiun oni estos dediĉinta al la franca lingvo ne estos perdita por Esperanto, kaj reciproke. Efektive, Esperanto, kiel prave diris S-ro René Lemaire, havas internacian formon; tial la novlatinaj elementaj estas la plej multaj, ĉar la lingvoj de la civilizita mondo estos ĉiuj pli aŭ malpli novlatinaj. Do la novlatinaj radikoj kiujn Ruso, ekzemple, estos lerninta per Esperanto estos al li tre utilaj kiam li volos lerni la francan lingvon; kaj reciproke, la Ruso kiu parolas la francan lingvon lernos des pli facile Esperanton. Do, anstataŭ militi, la franca kaj esperanta lingvoj povas sin reciproke helpi. Pro tio l' « Alliance française » estus malprava koleri pri niaj senĉesaj sukcesoj. Kaj ni Esperantistoj, ni devas ĝoji, ĉar ni trovas ĉie kie ĝi pasis bonan lokon por nia propagando.

Tiu respondo malfeliĉe ne sukcesis plene konvinki la skeptikulojn. Oni do serĉis alian. La plej bona estus la pruvo ke per Esperanto, oni povas instrui la francan lingvon kaj tiele helpi ĝian disvastiĝon en la mondo. Tio estus la sama celo kiel l' « Alliance française »: ĝi do nepre aprobus nin. Kaj plie, tio pruvus ke Esperanto neniel intencas anstantaŭi ĉiujn naciajn lingvojn, sed kontraŭe, ke ĝi povas ĉiujn helpi.

S-ro Paul Boulet, sekretario de la Organiza Komitato verkis tial: *Franca Gramatiko por la Esperantistoj*. S-ro, E. Boirac, rektoro de la Akademio de Dijon, prezidanto de la lingva Komitato skribis antaŭparolon. Tio certigas la seriozecon kaj bonecon de la verko. Montri la gravajn profitojn, kiujn Esperanto ricevos el tiu libro estas preskaŭ neutila; ĉiu Esperantisto, scias ke per ĝi multaj gravaj aproboj kaj aliĝoj nepre venos al ni. Oni ne forgesu ke proksiman Oktobron, kelkaj deputadoj diskutados en la franca parlamento leĝon por permesi la instruon de Esperanto en ĉiuj francaj lernejoj! Oni ne forgesu ke la « Franca Gramatiko » de S-ro Boulet, estos Bonega argumento por helpi l'akceptadon de la leĝo! Oni ne forgesu la gravecon de tiu leĝo por nia afero!

Sed antaŭ ol presigi, oni dezirus scii ĉu la vendo estos sufiĉa por eldonigi la verkon. Ni do faras gravan alvokon al ĉiuj Esperantistoj por ebligi la presigon de libro kiu donos la plej grandajn profitojn al Esperanto. Do ĉiu Esperantisto, eĉ tiu kiu ne intencas lerni la francan lingvon, bonvolos aboni tiun libron, kies prezo estos malkara (1 fr. 50, senpage sendota). Por pruvi que tio estas nur propaganda afero, S-ro Paul Boulet donacos plie al la kvincent unuaj aĉetantoj sian « Kongresan Libron 1905 » kiu estis la oficiala libro de la Kongreso de Boulogne, kaj kiu enhavas sciigojn, ilustraĵojn pri la urbo de Boulogne, kaj utilajn frazarojn por la vojaĝantoj

Por aboni je la franca gramatiko por la Esperantistoj, oni bonvolos sin enskribi en la « Esperanto-oficejo ». Tiuj, kiuj decidos aboni nur post la kongreso aŭ la nekongresantoj kiuj dezirus aĉeti la verkon, sendos siajn aliĝojn al S-ro P. Boulet, 80, boulevard du Prince Albert, Boulogne-s-Mer. Memoru ĉiuj ke kiel eble plej rapide estas kiel eble plej bone! Se la nombro de la aliĝoj estas sufica por permesi la presigon, la libro aperos dum Oktobro.

Ni estas certaj ke ci tiu alvoko estos favore aŭdata de la Esperantistaro kaj ke la aliĝoj estos multegaj.

Plie, S-ro Boulet, por pligravigi la argumenton prezentotan akceptas doni per korespondo senpagajn lecionojn al ciuj acetintoj de la gramatiko, kondice, ke oni aldonos afrankitan koverton por la resendo de la korektitaj taskoj. Fine, li petas ciujn Esperantistojn, kiuj sin interesas pri la propagando de la franca lingvo en la mondo per Esperanto, ke ili sin turnu al li por decidi cu fondo de societo esperantista kun gazeto speciala, sin okupante pri tiu celo estus ebla. Jen bonegaj ideoj kiuj faros grandan bruon en Franclando kaj forte helpos la finan triumfon de Esperanto, neŭtrala ilo, amiko de ciuj naciaj celoj.

Ni esperu, kiel diras S-ro Boirac en la antaŭparolo, ke la ekzemplo de S-ro Boulet estos sekvata en ciuj nacioj kaj ke baldaŭ oni povos pruvi sukcese ke per Esperanto, la lingvoj naturaj povas esti lernataj kaj ke la naciaj literaturoj povas esti legataj de ciuj en la originalaj tekstoj. Jen bonega ideo! Rapide venu la efektiviĝo! Ni plene konfidas je la helpo de ciuj Esperantistoj!

## ESPERANTO-ĴURNALO

Anonima Akcia Societo

La akciuloj de la Anonima akcia societo *Esperanto-Jurnalo* estas kunvokataj por la **sabato 1-a de septembro**, en la lokalo de « l'Union Libérale », 10, quai de la Poste, en Genevo, je la 3-a p. m.

ONI POVAS AĈETI LA GAZETON
**ESPERANTO**
**en ĉiuj stacidomoj francaj kaj svisaj**

### LETERKESTO

*Verdier*, Orléans. — La regulo de nerepreno de pli ol la duono de la venditsj ekzempleroj estas absoluta. Tamen, por provo, ni povus, dum kelkaj numeroj nur, konsenti la reprenon de ciu nevendita.

*Bhilippe*, Douai. — Ricevita, dankon! — Sed, la reguligo de l'konto, kiam la sumo ne superas 10 fr., devas esti farata nur trimonate. — Nomojn de la gazetoj ni volonte escepte publikigos por esti al vi agrabla. Volu nin rememorigi pri ili. — Poŝtkartoj reklamaj fr. 1,50 cento afrankite.

*Guesnet*, Chartres. — Vidu supre al Verdier. — Via vendisto devas sin turni senpere al Hachette, car niaj kontraktoj kun la vendistoj estas intence malpli favoraj ol tiuj de Hachette.

*V. V. Valkov*, Peterburg. — Nenion ricevis ni. — El la societo "Espero" de via urbo, cu vi povas vidi iun?

*Al diversaj redaktadoj.* — Ni rimarkas kun malplezuro ke, malgraŭ nia rondiranta letero, vi ne enpresas nian anoncon interŝamge kun la via en la nomaro de "Esperantistaj Gazetoj" en Esperanto jurnalo. — Sekve de tio, ni devos forstreki gin el la venontaj numeroj por doni lokon al aliaj, kiuj proponas al ni la interŝangon regulan.

*Al Algerio stelo, Esperantisten, kaj aliaj.* — Legu supre la avizon al "diversaj redaktadoj". — Sendu vian tekston, nu gin presos.



### La Kongreso de Boulogne-sur-Mer

unua universala kunveno de la tutmonda Esperantistaro estas neforgeseblaĵo. La vizitantoj de la duo Kongreso ne forgesos aĉeti en la Esperanta ekspozicio la unuan serion de poŝtkartoj montrante figure la plej tipaj scenoj de la unua Kongreso, kaj sin enskribigi por la nova serio:
***LA KONGRESO DE GENEVE***



## Esperantista Ekspozicio

**BATIMENT ELECTORAL**

La vizitantoj de la ekspozicio, ne volos foriri ne aĉetinte la belegan portreton de nia eminenta majstro
**D-ro L.-L. Zamenhof**
speciale eldonita de la samideano Caudevelle, fotografisto de la unua kongreso.



## Gazetoj Esperantistaj

Oni povas aboni ĉiujn gazetojn Esper antistajn ĉe l'Administrado de « Esperanto ». Aldoni po 0.10 por korespondaj elspezoj. Nenia garantio de regula apero.

**Lingvo Internacia,** duonmonata revuo por Esperanto, eliranta la 1-an kaj la 15-an de ĉiu monato.

Jara abono: sen literatura aldono 5 frankoj, kiun sumon oni sendu laŭeble per poŝta mandato. (Por papermonoj ni kalkulas: 5 frankoj = 2 rubloj = 4 germ. markoj = 4 ŝilingoj = 1 dolaro = 2,50 hol. floreno = 4 skand. kronoj = 5 aŭstro-hungaraj kronoj.) — Kun literatura aldono 7 fr 50.

Prezo de ĉiu numero: 40 centimoj; numero de la Kongreso: 60 centimoj.

**Tra la Mondo,** tutmonda multilustrata revuo monata, tute en Esperanto. — Nuntempaĵoj, Pri Esperanto, Arto kaj Literaturo, Sciencoj, Komerco kaj Industrio, Militistaro, Maristaro, Teatro, Sportoj, Virina kaj Gejunula paĝo, Felietono, Konkursoj kun valoraj monaj premioj. — Ciuj artikoloj estas verkitaj de anoj de l'landoj aludataj. — Jare 8 frankoj; kvaronjare, 2 fr. 25. — Redakcio: S-ro Montrosier, 8bis, rue de l'Ecu d'Or, Orléans; Administracio. 15, Boulevard des deux Gares, Meudon (S.-et-O.) France

**Espero Katolika,** 32-paga revuo monata tute en Esperanto, malfermata por ĉiuj. Rakontoj, artikoloj pri nuntempaj aferoj, ŝakoj, k. c. Jare: 5 fr. (en Franclando 4 fr.) Presejo A. Barbot, 15, rue Etienne Pallu, Tours (France).

**Espero Pacifista,** monata organo de l'*Internacia Societo Esperantista por la Paco* (krom avizo kontraŭa, la abonintoj estas enskribitaj kiel aliĝantoj al la Societo). — Jara abono (aŭ minimuma kotiza) · 5 frankoj. La Societo akceptas ankaŭ opajn aliĝojn. Sin turni al S-ro Gaston Moch, 26, rue de Chartres, Neuilly-sur-Seine (France).

**Internacia Revuo Medicina,** monata organo por praktika medicino, redaktata en Esperanto kaj diversaj lingvoj naciaj, de diverslandaj kuracistoj. Celas ne nur la Esperantan, sed ankaŭ la kuracistan utilon. Jara abono: 7 fr. (en Franclando 6 frankoj) Paris, 33, rue Lacépède.

**Esperanta Ligilo,** ĉiumonata revuo, Th. Cart. ĉefredaktoro, 12, rue Soufflot, Paris V. — Abonkosto: 3 fr. jare.

**Juna Esperantisto,** illustrata gazeto por junuloj, instruistoj kaj Esperanto-lernantoj. Eliras monate. Literaturaĵoj, teatraĵoj, karikaturoj. Jara abono: 2 fr. 50. *Presa Esperantista Societo*, 33, rue Lacépède, Paris.

***

**L'Esperantiste,** oficiala revuo de la Societo franca por la propagando de Esperanto, 24 paĝoj (formato 15 × 20) da teksto franco-Esperanta aŭ nur Esperanta, 8 paĝoj kovrilaj (nomaroj de Esperantaj verkoj kaj de ĉiuj grupoj de la S. f. p. E,), *Internacia Korespondato Esperanta* senpage disponebla por la abonantoj — 3 fr. 50. *Jarabono* (1-a de januaro, aprilo, julio, oktobro en Francujo 3 fr., ekster Frankujo: 3 fr. 50; kun enskribo en la Francan Societon: 4 fr. ĉie. —

**La Belga Sonorilo,** organo de la Belga Ligo Esperantista. Eliras 12 fojojn jare. Redaktata France, flandre kaj esperante. Jara abono: 4 frankoj. — Redaktoro-administranto, al kiu oni ĉion sendu: J. Coox, Duffel, Belgique.

**Svisa Espero,** oficiala organo de la Svisa Esperantista Societo (S. E. S.), Jara abono (kun membriĝo de la S. E. S) en Svislando 2 fr. en aliaj landoj 2.50. Sin turni al S-ro D-ro Th. Renard, 6, Vieux-Collège, kaj por Franclando Arlod (Ain). — IV-a jaro.

**Germana Esperantisto,** organo de diversaj germanaj grupoj esperantistaj. Eliras 12 fojojn jare. Redaktata germane kaj esperante. Jara abono 4 frankoj. Administracio kaj Redakcio · Esperanto Verlag, Möller & Borel, Berlin, S., 95, Prinzenstrasse.

**The British Esperantist,** oficiala monata organo de la Brita Esperantista Asocio; 12 paĝoj da novaĵoj k. c. anglo-Esperante, kaj 8 paĝoj da Aldono tute en Esperanto. Jare 4 fr. (sen Aldono, 2 fr.) — Oni abonas ĉe la Sekretario de la B. E. A. 13 Arundel Street, Stand, London.

**Ruslanda Esperantisto,** ĉiumonata organo de la Societo « Espero » en Esperanto kaj parte en rusa lingvo. — La detalaj prospektoj estas estas riceveblaj senpage. — Adreso: Ruslando, St.-Peterburgo, B. Podjaĉeskaja, 24, la Societo « Espero ». — La jara abonpago (kune kun membriĝo en la Societon) 3 rubloj (7 fr. 50).

Aliaj gazetoj ekzistas en lingvoj bohema, bulgara, hispana, hungara, sveda, ktp. Informojn laŭ peto al « Esperanto ».

## « LA REVUO »

Internacia monata literatura gazeto
kun la konstanta kunlaborado de D-ro LL. Zamenhof.

Tiu nova speciala Revuo, tute redaktata en Esperanto, estas pure literatura; ĝi enhavas: novelojn, romanojn, poeziojn, komediojn, dramojn, seriozajn studojn pri historio, geografio, statistiko, popolmoroj, k.c., kronikon tre mallongan pri la ĉefaj mondaj okazintaĵoj, bibliografion.

Ĉio politika, religia, aŭ kio povas naski disputojn, estos malakceptata de la Redakcio.

D-ro L. L. Zamenhof sola povos verki artikolojn pri la lingvo.

La 1-a numero aperos la 1-an de septembro 1906. okaze de la II-a Universala Kongreso de Esperanto. ĉiu numero 0 fr. 50 — jara abono 6 fr. en Franclando; 7 fr. en aliaj landoj. Ĉiu numero enhavas almenaŭ 48 paĝojn. Librejo Hachette kaj k-o, 79, Boulevard Saint-Germain, Paris.

